# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**



**PLENUMITA 30/08/2018 Tricentokdeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

*PMEGramatiko* reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro
* Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 709,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **391,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **302,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **15,600** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online



## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.



### N.ro 43 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .

Jen kelkaj Objektaj Predikativoj:

1). Ni renkontis lin (estanta) duonebria.
2). Mi preparis la kafon tre forta.
3). Ni deziris lin tute resaniĝinta.
4). Mi deziras retrovi ilin nedomaĝitaj.
5). Ni elektis ŝin prezidanto por la tuta jaro.
6). Ni sukcesis elekti idioton Prezidisto de nia lando.
7). Ĉu vi atendas lin senkulpa?
8). Ni trovis ŝin same ĉarma kiel la aliajn.
9). Ni trovis la rezulton pli bona ol ni atendis.
10). Mi segis la branĉon duone pendanta el la trunko.
11). Ni esperas ŝin en bona sano.



12). Ni igos la ĝardenon altira al ĉiuj.

Ankaŭ la Predikativo povas konsisti el pli ol la kernvorto: "Ni elektis ŝin provizora sekretario (= kernvorto de la Predikativo) sensalajrigita". Krom konsisti el Verbo kun Predikativo la Predikato povas enhavi, kvankam neofte, Infinitivon ("Li volis savi la hundon, sed ne kuraĝis eniri la brulantan domon". Ĉar ĉi lastaj ne estas Predikativoj, oni ne povas meti "esti" aŭ "estinte" antaŭ la infinitivon. Komparu la veran predikativan infinitivon en "Ni deziras ŝin sukcesi en la ekzameno".

Ĉiuj ĉi tiuj sep klarigoartikoletoj ne estus necesaj se Zamenhof ne estus kopiinta, sendube por plaĉi al la eŭropanoj, la nenecesan sistemon de Predikativoj. Ĉiuj menciitaj ekzemploj povas esprimati alimaniere, eĉ pli simple, ekz. "Li daŭros kiel prezidanto" kaj "Ni elektis lin kiel prezidanton". La klera Esperanto, kontraŭe al la etnaj lingvoj, jam mem inventis pli simplajn formojn, kiel "Li prezidantas (prezidantiĝas)" kaj "Ni prezidantigis lin".

Antaŭ n.ro 44 ni interrompe pritraktos rubriketon "Kelkaj lingvaĵoj ne sufiĉe konataj".

*Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.



La 1a de septembro estos la unua sabato. Vizitantoj bonvenaj. *Roger Springer*



# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*



# Krimoj miaj en kaj ekster mia ĝardeno.

## NUNA KRIMETO MIA .



Jes, kelkfoje kiam mi manĝas mi sentas min, se ne krimulo, tamen krimetulo. Dum multaj jaroj, kiam mia filo loĝis ĉe mi kaj prizorgis miajn manĝojn, ĉi lastaj estis vegetaraj, sed dum la ĵusaj du jaroj du el liaj gefiloj nutras min, loĝante en mia hejmo kun siaj edzo kaj infano. Tri el tiuj kvar preparas la manĝojn por ĉiuj, kaj kelkfoje mia parto enhavas iom da viando. Mi ja ne volas esti malfacila, kaj mi kredas ke iomete da viando ne detruetas mian sanon. Krome mi kelkfoje manĝas viandon ĉe geamikoj aŭ en restoracio. Do mi scias ke kelkfoje mi estas, se ne krimulo, tamen krimetulo. Simple pro tio, ke la mondo ne povas havigi sufiĉe da nutro por ĉiuj homoj, kaj ĉar parte tial multaj homoj mortas pro malsato. Kaj uzi la teron por bredi kaj poste manĝi brutojn prenas multe pli da tero ol kultivi vegetaĵojn. Tial mi estas krimulo. Kaj mi faras tion malmorale, ĉar mi faris kaj faras regule plurajn krimetojn. Ekzemple mi kisis, dum mia edzino ankoraŭ vivis, du

najbarinojn (ne samtempe!), kun ilia volo, kaj alian najbarinon kontraŭ ŝia volo. Mi ankaŭ ofte aŭtomobilis pli rapide ol la rapideclimo, kiam mi estis naŭdeknaŭprocente certa, ke tio estis sendanĝera. Mi ja estis tre kapabla aŭtisto. Mi krome forhakis, kiam necesis, plurajn grandajn arbojn, kaj faris kelkajn aliajn aferojn kontraŭajn al la lokaj leĝoj. En Nederlando kaj en Aŭstralio mi detempaltempe faris aliajn krimetojn, kvankam ne kontraŭantajn aliajn homojn. Du- aŭ trifoje mi devis, kontraŭleĝe, urini inter du irantaj vagonoj, pro la vezikproblemo de maljunuloj, (neniu alia viro kapablus fari tion sendanĝere kaj nevidate). Do nun mi trovas akceptebla, esti krimetulo pro kelkfoja manĝo de viando. Miaj genepoj scias mian vegetaremon, sed ne hezitas kelkfoje manĝigi min per bongusta viandaĵo. Ili esperas ke mi ĝuos iliajn bongustaĵojn. *Marcel Leereveld.*

## DU SPECOJ DE AGO .

Dum ĉiuj verboj indikas agon, ekzistas kelkaj agoj kiujn ni ne vidas nek aŭdas nek gustas, ekzemple kiam la molekuloj forte agas por ke io restu kia ĝi estas aŭ kie ĝi estas, senmove. Tiaj verboj plej ofte indikas situon aŭ karakteraĵon, sed malpli ankaŭ tialon aŭ manieron. Jen kelkaj ekzemploj: Ŝi restis en la domo; Li estas instruisto; Ili similas al simioj; Ci ŝajnas kontenta; Duoble kvar egalas al ok. Multe pli ol la ĵus menciitaj, la aliaj agoj se uzataj kiel verboj efikas iel sur la parolanton kaj sur la aŭskultanton, kaj tio ja estas la celo de lingvo, kiam uzata. Pro tiu celo de influo, ekzistas nuanca diferenco inter simpla konstato de karaktereco aŭ situo aŭ tempo aŭ aspekto, kiel en “La rozo estas bela” kaj la uzo de verbo kiel “La rozo belas”, en kiu lasta esprimo la rozo kvazaŭ agas elpuŝante sian belecon kiu sekve afektas la parolanton. En la lasta kazo la parolanto efike sentas la belecon, same kiel en “La situacio gravas”, kio afektas la parolanton, kaj la simpla “La situacio estas grava”, kio efikas malpli sur aliajn personojn, ĉar ĝi estas simpla konstato. Sed ofte ne ekzistas multe da diferenco, kiel en “Evidentas ke li sukcesis” kaj “Estas evidenta, ke li sukcesis”. Notu ke mi uzas la adjektivon “evidenta”, kion Zamenhof uzis nur malofte, dum mi uzas la adjektivon ĉiam en tiaj frazoj, ĉar tio estas pli logika, dum Zamenhof plej ofte uzis adverbon, kio estas malĝusta laŭ la signifo kaj laŭ la funkcio, kaj kelkfoje kreas dusencecon. *Marcel Leereveld.*

## KROMO PRI ZAMENHOF.

Pro la influo de la rusa lingvo Zamenhof donis al la prepozicio “krom” du kontraŭajn signifojn: inkluzive de kaj ekskluzive de. Tion ni kompreneble ne povas fari en Esperanto, kaj ni ne bezonas fari tion ĉar Zamenhof kreis specialan vorton por unu el la du signifoj, nome la prepoziciaĵon “escepte de”, kiu signifas ekskluzivon. Do “Krom la patro la tuta familio venis” signifas ke ankaŭ la patro venis, kaj se ĉiuj venis sed ne la patro ni diras “Escepte de la patro la tuta familio venis”. La rusa faras la diferencon per malsama vicordo de la frazpartoj.

*Marcel Leereveld.*

## NENI0 SUR TIU ĈI BONEGA PLANEDO ESTAS PERFEKTA .

Ĉu Bob (Felby) skribis ĉi tion, ĉar li antaŭvidis ke li faros eraron? Fakte li faris, kio estas tre malofta.

Li ja bone korektis, por Vere, la biblian frazon “Ne ĵetu viajn perlojn antaŭ la porkojN.” Kial? Ĉar pro la ĵetado la perloj iras el unu loko, via mano, al alia loko, nome antaŭ la porkoj.

Alternative oni povas diri ”Ne ĵetu viajn perlojn AL antaŭ la porkoj.”; “al” ja egalas al la akuzativo.

Sed li ŝanĝis alian frazon, seneraran, al erara frazo, nome “por ke ili ne premu ilin sub la piedojn.” Kial la Biblio pravis kaj Bob malpravis? La premado ne kaŭzas ŝanĝiĝon de loko: la perloj troviĝas antaŭ la porkoj kaj por ke la piedoj povu premi ilin, io alia, ekz. la buŝo de la porkoj, unue devas puŝi la perlojn sub la piedojn kaj nur post tio la piedoj povas premi la perlojn. Tiu ŝanĝo de pozicio ne estas entenata en la ago “premi”, ĉar la porkoj ne povas premi la perlojn el antaŭ la porkoj al sub la piedoj. Do oni ne povas diri “por ke ili premu ilin AL sub la piedoj”: la premado ne faras tion. *Marcel Leereveld.*

## ĈU ĜUSTA, ĈU MALĜUSTA? ĈU PRAVA, ĈU MALPRAVA? ĈU VERA, ĈU MALVERA?

Oni scias ke mi uzas kelkajn, nur kelkajn, gramatikajn formojn kiujn la granda plejmulto el la Esperantistoj ne uzas. Ĉar la aŭtoritataj esperantologoj AŬ ne komprenas AŬ ne volas ŝanĝi sian kutimon, ili diras al la malpli spertaj Esperantistoj ke tiuj kelkaj miaj gramatikaj formoj estas malĝustaj. Ili povas diri nur tion, ĉar ili ne povas pruvi ke la kelkaj novaj formoj estas malĝustaj, kaj ili ne penas fari tion. Sed ĉar ili estas tre kleraj pri la resto de la gramatiko, la mezgradaj Esperantistoj blinde kredas ilin, kaj diras tion. Tiuj mezgradaj Esperantistoj religie kredas ĉion pri la gramatiko kio estas en vortaroj, lernolibroj kaj fakaj gramatiklibroj. La samo okazas en la politiko. La fakto estas ke kelkaj novaĵoj miaj, unu tre grava, estas bezonaj kaj necesaj. La kredema mezgradanaro pensas ke ĝi ne kapablas eltrovi ke miaj formoj estas ĝustaj kaj tial mallaboreme kredas la tre klerajn, sed ne sufiĉe klerajn, konatajn Esperantistojn min mallaŭdantajn. Tio okazas ankaŭ en la politiko. La ege klera, sed ne sufiĉe klera, superklaso de la Esperantistaro kombinadas por silentigi min, kaj malpublike diradas tiun fablon pri miaj malĝustaj gramatikaĵoj.

Min memorigis pri tio ĵussemajna demando de melburna amiko, kiu demandis al mi la diferencon inter “La virino estas bela” kaj “La virino belas”. Mi havas klaran opinion pri tiu diferenco, jam el tre longe, kaj eble mi trovis ĝin en iu specialista gramatiklibro. Mi ne memoras.

Nu, la respondon kiun mi donis vi povas trovi en la supra mia artikolo “DU SPECOJ DE AGO” . Post la klarigado la demandanta amiko demandis, ĉu tiu klarigo estas unu el miaj personaj opinioj (ideosinkrazioj) aŭ ĉu tiu klarigo estas komuna inter la resto de la Esperantologoj kaj faklibroj. Kiam mi respondis ke mi ne memoras legi mian klarigon ie alie, li evidente malkontentis kaj foriris. Jen do unu el la rezultoj de mia “persekutatado”.

Kompreneble la demandanto, kaj speciale la komencantoj, volas blinde kredi iun, do la librojn kaj la ege klerajn Esperantologojn. En sia etna lingvo ili faras tion, eĉ se la uzata vorto estas stultaĵo, ekzemple en la angla lingvo “*unicorn*” havas unu kornon, kaj “*unisex*” havas unu sekson, do “*unisex barber*” traktas nur unu sekson (sed kiun?). Sed la mallogikaĵoj en etnaj lingvoj fariĝas normalaj vortoj. Tio devas ne okazi en Esperanto: Ĉar “kialo“ estas la demando, la “*why*”, la “tialo” estas la respondo, la “*therefore*”, *the reason*. Uzi “kialo” estas stultaĵo, nepermesebla en logika lingvo kia Esperanto. Sed la Esperantistoj evidente deziras uzi en

Esperanto similajn stultaĵojn kiajn havas etnaj lingvoj. Intertempe, neniu kapablas pruvi ke mi malpravas, sed oni nur silentigas min. Kaj la ŝafoj sekvas la gvidiston. Jen Esperanto-politiko!

*Marcel Leereveld.*

**PARTICIPOJ.**

| | Preterito (= *Past Tense*). | Daŭra Tempo (= *in the process of hitting*). |
|---|---|---|
| Aktiva: | La viro batis la hundon. | La viro estis batanta la hundon. |
| Pasiva: | LA HUNDO BATATIS. | LA HUNDO ESTIS BATATA. (= nefinita). |
| | (= el komenco ĝis fino). | (= *Continuous Past Tense*). M. L. |

Marcel Leereveld.



Roger, Vilĉjo Aldridge sendis al mi artikolon kiun li destinas al Aŭstraliaj Esperantistoj. Li petis ke mi sendu ĝin al vi. Do jen lia artikolo. Bondezirojn *Donald Rogers*

# Retrorigardo al internacia prefikso

En 1887, eldoniĝis fama utopia romano, verkita de usonano, Edward Bellamy, kies titolo estis *Looking Backward, 2000–1887*. (En Britujo, oni kutime dirus *Looking Backwards*, distingante inter la adverbo *backwards* kaj la adjektivo *backward*.) La traduko de tiu libro en Esperanton, ***Rigardante Malantaŭen en la Jaro 2000***, aperis en 1937. Alia ebla traduko de ĝia titolo estas ***Retrorigardante en la Jaro 2000…*** Tradukoj maltaŭgaj estus ****Rigardante Dorsen/Dorsantaŭe/Dorsdirekte*** aŭ io simila, ĉar en tiu titolo, *Backward(s)* havas pli abstraktan sencon ol ***dors/-***, kaj rilatas al movado en la tempo, ne en la spaco.

En AE 375 (paĝo 4), Donald Rogers prave aludis al tio, ke **retro-** estas internacia prefikso, uzata interalie en la scienco kaj la teĥniko. Ĝi devenas de la klasiklatina adverbo "**retro**", kiu indikis:

- efektivan aŭ kvazaŭan movadon malantaŭen (*backwards*), for de iu alirita pozicio, en la spaco aŭ en la tempo; aŭ
- pozicion malantaŭ (*behind*) io.

Jam en la klasika latina periodo, oni komencis uzi la vorton **retro** ankaŭ prefikse: ekzemple, **retro gradior** iĝis **retrogradior** (***mi regresas***, *I go/move/step backwards*). Simile, **retro ire** iĝis **retroire** (***retroiri***, *to go backwards, to reverse*). En la esperantida lingvo Ido—en kiu, strebante precizegi, oni ofte kreis nur konfuzon—la parenca vorto ***retroirar*** signifas ne nur *to go backwards, withdraw, recede, recoil* sed ankaŭ *to go back, turn back, return*! Tiu ekzemplo ne estas imitinda.

Pensante nun pri venado, ni povas facile kompreni, kial la vorto ***retrovenire** (***retroveni***) ne ekzistis en la klasika latina. En la antikva mondo, oni preskaŭ neniam bezonus diri, ekzemple, ke oni ***hejmen retrovenis*** (*came home backwards*). Eĉ hodiaŭ, ekvivalentaj vortoj apenaŭ ekzistas en latinidaj lingvoj.

Menciiĝas en PIV, ke la vortero ***retro*** estas ankaŭ uzata memstare, ekzemple: ***Iru *retro, Satano!*** Tio estas tradukaĵo de malnova latina preĝo: **Vade retro, Satana!** (***Retroiru, Satano!*** *Back off, Satan!*). La latina verbo **vadere** signifas *to go, walk, march, advance*; tial, **vadere retro** signifas ***regresi*** (*to go/move/step backwards*). Tiu adverba uzo de ***retro*** ne estas imitinda en Esperanto,

ĉar plursilabaj adverboj en Esperanto ne havas la vortfinaĵon "-o".

En modernaj internaciaj vortoj, la prefikso **retro-** indikas:

– movon aŭ agon faratan kontraŭe al la kutima direkto (*backwards*), ekzemple **retrospegulo** (*rear-view mirror*, france *rétroviseur*), **retroraketo** (*retrorocket*, ankaŭ *retrograde rocket*), **retroviruso** (*retrovirus*), **retroreflektilo** (*retroreflector*, per kiu la trafantaj kaj la reflektataj radioj estas paralelaj), ŝajna **retroirado** de planedoj (*apparent retrograde motion of planets*); kaj

– en la medicino, pozicion malantaŭ io (*behind*), ekzemple malantaŭ la hepato, mamo, mandiblo, reno..., *retrohepatic, retromammary, retromandibular, retrorenal*... Tiu pure loka senco de la prefikso **retro-** ŝajne ne uziĝis ĝis nun en Esperanto. Tamen, ekzistas alia internacie akceptata formo: *posthepatic*, *postmammary*, *postmandibular*, *postrenal*... Do, por eviti ian konfuzon, oni povus uzi la Esperantajn ekvivalentojn: **posthepata**, **postmama**, **postmandibla**. **postrena**... *Vilĉjo Aldridge*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby



## Ĉapitro 16 Loĝas en Aŭstralio Kaj mi eklaboras en Adelajdo. Tria ero

Ni alvenis tre malfrue al la gastejo, kaj pririgardis nian novan hejmon. Ĝi estis farita el lado, sed konsistis el tri ĉambroj. Unu kombinita sidoĉambro kaj dormoĉambro por Audrey kaj mi, unu alia por la knaboj kaj unu tre malgranda por Linda. Banĉambroj kaj necesejoj troviĝis en aparta konstruaĵo, ankaŭ el lado. Ankaŭ la manĝoĉambrego estis el lado.

Post unu aŭ du minutoj en la ladloĝejo, Thea proponis, ke ni venu kun ŝi en ŝian domon, kiu situas en Semaphore. Ni ĉiuj, escepte de la taksiŝoforo, kiu jam foriris, iris tien. Jen, tio estis domo. Domo kun hejtilo, kaj ĉio alia moderna.

Ĉe Thea ni trinkis kafon kaj manĝis bongustaĵojn, ĉio laŭ la nederlanda maniero. Estis tre malfrue kiam ni fine enlitiĝis en nia malvarma ladskatolo.

Ellitiĝinte ni lavis nin ktp. kaj iris por manĝi. Post tio ni iris al la oficejo por informiĝi. Oni diris, ke plej gravas havi konton en banko, ne gravas en kiu banko, sed devas esti en banko. Tiam oni donis al ni senpagan mapon pri la urbo, kaj ni tuj iris al Adelajdo por vidi kie en la mondo ni estas.

Nu, ne estis malbone, kvankam Adelajdo kaj Kopenhago neniel similas. Mi komencis miri, ĉu mi estas freneza. Ĉu normala homo venigas sian tutan familion al loko kia Adelajdo, kiam li jam havas bonan hejmon kaj laboron en Kopenhago. Sed pri tio mi ne povis paroli, ĉar mi ne volis maltrankviligi mian familion.

Mi do iris serĉi laboron. Ofertis al mi laboron la edzo de Thea. Eble lia laboro iom plaĉis al mi, sed la salajro ne. $90 por kvardek horoj da laboro. Tio ne estis multo.

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

